# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista" (IKUE) kaj de „Blanka Kruco" (Internacia misio katolika)



Numero 8. 1922 — I. Jarkolekto 1921/22


# La universala misia tasko.

Ĉu mi ne pli bone diru: la katolika misia tasko? Ĉar estas la sama: katolikeco kaj universaleco de la misio de la Savinto.

„La lasta volo de Jesuo", titoliĝas bonega libro de verkisto el la kongregacio de la Steylaj misiistoj. Mi memoras ĝin momente. Jes! La lasta volo, kvazaŭ la testamento de l' Savinto, estis la ordono: „Foriru en tutan la mondon, predikante instruadu la popolojn kaj baptu ilin en la nomo de la Patro kaj de la Filo kaj de l' Sankta Spirito!" Kiel diris la apostolo? „Oportet Illum regnare!" Necesas, ke Li reĝadu! Ke Li estu reĝo de la tuta mondo! Reĝo en Azio kaj Afriko, Ameriko kaj Aŭstralio kiel Eŭropo! Reĝo en la koro de ĉiu homo kiel en la sociaj komunecoj: familio, komunumo, ŝtato, popolaro . . .!

Necesas, ke Li reĝadu! Do la apostoloj, obeante tiel la ordonon de la Majstro kiel la internan aspiregon de l' koro, foriris en ĉiujn ventojn por prediki la evangelion al ĉiu kreitaĵo. Kaj sammaniere foriris la misiistoj ĝis la hodiaŭa tago el ĉiuj katolikaj landoj en ĉiujn landojn de l' idolanoj malgraŭ ĉiaj danĝeroj por la vivo!

Ho, la grandega tasko ne ankoraŭ estas solvita ĝis nun! Ho ne! Ankoraŭ du trionoj de la mondo ne konas la Savinton. Do al ili devas esti predikata la Savinto! Grandioza tasko de l' Eklezio, kiu devas esti solvata, al kiu devas partopreni ĉiuj kreduloj el ĉiuj nacioj! La tasko de la „eksterlanda" misio.

La misia tasko ne estas solvita! Ĉar — eĉ ankoraŭ pli malĝojiga fakto! — centmiloj kaj milionoj da „Kristanoj" („Krist-anoj!") ne plu anas Kriston en sia vivo, ĉar ili forgesis aŭ ne plu ŝatas la evangelion de la Majstro! Ili devas esti regajnotaj al Kristo kaj al la regno de Dio! La intelektuloj, la laboristoj ktp. forlasintaj Savinton kaj Eklezion, ili ĉiuj devas esti misiotaj por Kristo kaj Eklezio; ni ne rajtas rezigni je ĉi tiu — certe malfacila! — problemo. Necesas, ke Kristo reĝadu! Do ni devas kunhelpi, ni ĉiuj partopreni al la grandega tasko de l' „enlanda" misio internacia.

Ĉu la tasko de la misio estas elĉerpita per tio? Tute ne! Necesas, ke Kristo reĝadu! Ke li estu reĝo, vere absoluta reĝo en la vivo de ĉiuj Liaj anoj! Kiel longe forestas la realeco en la praktika vivo de ĉi tiu postulo! Kiom da kristanoj kaj katolikoj vere eksteren montras Kriston per ilia vivmaniero? Tio ja estas la esenco de la krista nomo de ni ĉiuj, esti laŭ l' apostolo „alter Christus", dua Kristo, simila en tuta la vivo al la unua, modela. Esti modelo de pureco, vereco, fideleco, justeco, karito kiel la Majstro, esti por tiel diri savinto por la kunvivantaj! Esti vera disĉiplo de Jezuo, kiel diris la Majstro mem: „En tio oni ekkonos, ĉu vi estos niaj disĉiploj, ĉu vi amos vin unu la alian!" Se iu irus serĉi la kristanojn kaj katolikojn inter la aliaj homoj laŭ ĉi tiu ekkonilo donita de la Majstro mem, ĉu li sukcesus? Grandega tasko, plej grandioza tasko de la misia movado: tute trapenetri la kristanojn kun la vera spirito de l' Savinto. La „misio interna", nomis ĉi tiun taskon la mortinta famkonata frato „Gottwills" (Diovolas) de la Blanka Kruco.

Katolikeco de la misio! Kiel impona estas la penso, renovigi ĉiujn rilatojn de la homa vivo per la spirito de l' Savinto! Realigi ĉi tiun penson estas realigi la belan parolon, en kiu formulis la jam nomita frato Gottwills la taskon de la Blanka Kruco kiel helpa institucio kaj movado de la katolika misio:

> La koro mia nova Betlehem'!
> La familio nova Nazaret'!
> Al Di' donita mia patrolando!
> La mondo unu Dia reĝolando

Dro M. J. Metzger.

## Brulu, flamoj, brulu!

Forruliĝas centjaroj kiel fluvoj rapidegantaj! Generacioj venas, generacioj pereas. Popoloj ekstaras fortoplene, eklumas kiel gigantaj sunfloroj ĵetante glorbrilojn tra la mondo . . . popoloj mortiĝas kiel herboj velkas en malvarma, sensuna aŭtuno. Ili mortpereas pro manko de interna vivo, de anima fajro, de Dia forto . . .

Tio estas la plej profunda signifo de la grandioza mondteatraĵo — kiel da homoj kutimas nomi la homaran historion: la ĉiama interbatalado inter la Vivo kaj la Morto, inter la Amo kaj la Malamo, inter l' angelo de la Lumo kaj de la Mallumo, inter la Sanktuloj kaj la Malsanktuloj, inter Dio kaj Maldio . . . Plej akra interbatalado! Sed la fina venko estos la venko de Dio. Tio estas nia kredo, nia konfido, nia ĝojegoplena ekkrio: Dio venkos!

Sed ekzistas periodoj en la homa evoluo, kiam la angelo de la Mallumo, la Maldio, venkoforte eklevas siajn pekoruĉajn standardojn, regante la homaron per malbena teruro. Kaj hodiaŭ? Plej malhela nokto ĉie! Vi dubas? Ho! Malfermu la okulojn kaj ekvidu! Iru ni al la tombejaj kampoj de Eŭropo kaj vidu: Mil kaj mil da krucoj . . . milionoj kaj milionoj da blankiĝantaj ostoj . . . ĉirkaŭe terura silentado . . . Aŭskultu! Vento flustras nun, mistere, surde . . . nun pli laŭte . . . nun laŭtege! Ekaŭdu la dolorkrion de la mortfalintoj, kiuj kuŝas ĉi tie el ĉiuj landoj kaj lingvoj. Ili kantas la ĥoron de la mortigitoj, komencante: la sango de viaj fratoj, ĉielen krias je venĝo . . .

Kaj tiam foriru en modernaj fabrikurboj kaj enpenetru la fulmonigrajn laborejojn, kie siblas la radoj kaj la maŝinoj brue ĝemas . . . Tie vi trovos armeojn de animoj, plenaj de malamo kaj ĉagreno. La kapitalista evoluo moderna estingis la lumon de l' Vero kaj de l' Amo en iliaj koroj. Ho ĉi tiuj malfeliĉegaj animoj soifas je savo, je lumo, je amo, je sanktaj pastroj, kiuj forlasinte nurpolitikajn demandojn predikas Jesuon-Kriston laŭ la ekzemplo de la sanktaj apostoloj . . .

Iru pli vasten! Venu en la urbojn de la riĉuloj! Vidu la hotelojn kaj domojn de la granda peko, la preĝejojn de Maldio! Vidu la malfeliĉajn knabinojn de la voluptemo! Iliaj okuloj ruĝe flagras kaj iliaj ŝarlakaj vangoj brulas! Ofte en ilia koro tamen krias io je helpo, je suno, je vera amo . . . la graco atendanta! Sed neniu venas por liberigi iliajn animojn de la Malbono . . . Kaj vidu la ĵurnalojn de la Malvero kaj la katedrojn de la Menzogo! Kaj vidu la domojn de la riĉuloj, superfluantaj de lukso kaj ĝuamo! Kaj vidu . . . Ĉie, preskaŭ ĉie regas Maldio . . .

Kaj tiam foriru en spirito Rusujon kaj vidu la milionojn da homaj fratoj, kiuj formortas pro malsato kaj frosto . . . kie patrinoj manĝas siajn infanojn, kaj infanoj manĝas siajn gepatrojn! . . .

Kaj tiam foriru en la grandajn konferencojn, kie la „reĝoj de l' mondo" kunvenas por marĉandi avideme pri la trezoroj de l' tero kaj trompi unu la alian kaj diri la malveron kaj semi novajn disunuiĝojn . . .

Ho malfermu pro doloro la okulojn de via animo kaj silente meditu . . . milionoj kaj milionoj da homoj hodiaŭ soifas je amo, je paco, je suno, je vere praktikata kristanismo! Milionoj da animoj helpkrias . . . kaj neniu aŭdas iliajn dolorkriojn . . . neniu venas por savi ilin . . .

Kion fari? Ho ekstaru profetoj de Dio! Ekstaru sanktuloj kun elĉiela forto! Ekbruligu la ĉionampleksan amon de Dio en la koroj de la homoj! La fairo elfluanta de la koro de Jesuo-Kristo, tio estos la venko de Dio! Brulu flamoj, brulu! . . . F. J.

## Graco atendanta.

Biblia rakonto de A. v. Krane. 2

Strange! io ekkaptas subite kaj forprenas ŝin, la virinon Samarian, meze de sia agadema mastrumado kaj ordigado. Ĉio, kion ŝi forte tenas, falas el ŝiaj manoj; subite ŝi devas halti en la mezo de l' ĉambro kaj auskulteti . . . Ĉu ne iu vokis ŝin? — Ne, ĉio ja estas silenta, senmova. Ŝia edzo dormas en la apuda ĉambro. Do estis iluzio . . .

Sed nun denove! Ĉu ne iu voĉo sonis el la malproksimo? Ĉu ĝi ne vokis ŝian nomon, mallaŭte? Ĉu ne el mistera malproksimo alrigardas ŝin du brulantaj okuloj, kiuj per neresistebla forto sin forlogas kaj tiras al loko, kiun ŝi bone konas, kien ŝi nun devas iri, devas, se ŝi ne volas perdi la plej multvaloran?! . . .

Ŝi obeas la vokon. Surmetinte la kapvualon ŝi ekprenas la kruĉon kaj diras al sia kunulo, kiu ekvigliĝis pro sia farado: „Mi foriras al la Jakobo-punto."

Li miregas. „Nun vi iras tien?" Dum la tagmeza varmego? Ho, atendu ĝis la vespero."

„Ĝuste nun ni bezonegas la refreŝigan akvon", ŝi respondas, ne sciante, kian veron ŝi diras . . .

Jam ŝi estas elirinta el la ombroriĉa malhela dometo en la akran blindigan sunbrilon. Sen atenti varmegon kaj polvon si rapidas supren la bonkonatan vojeton kun frapanta koro, atendante ion, ion nedireblan . . .

La soleculo ĉe la ĉarma fonto sin movas iomete, kiam li ekvidas la blankvestitan gracian figuron en la lumetanta malproksimo. Kaj iu sankta, mallaŭta murmuro flustras tra la branĉetoj de la cipresoj . . .

Nun ŝi alproksimiĝas . . . Nun ŝi ekvidas lin! Tuj ŝi volas tiri la vualon antaŭ la vizaĝo . . . Sed la mano lamigite malleviĝas, kiam la fremdulo ŝin fiksas kun amobrulantaj okuloj. Ho! Li estas, li, kiu ŝin rigardadis el la mistera malproksimo, li, kiu ŝin allogis ĉi tien . . .

Kaj li portas la vestaĵon de juda predikisto? Ho, li estis vokinta ŝin, ŝin, la malbenitan virinon Samarian! Kiu li estas? Ho, kiu!? — Tiaj pensoj rapidegas tra ŝia konfuza, konsternita cerbo kaj ĉio kuncentriĝas sin al la sunklara konvinko: „Ho ĉi tiu estas tute alia ol la ceteroj. Tian homon mi vidis neniam!"

Li silentadas kaj lasas tempon, por ke ŝi retrovu trankvilecon. Poste li parolas! Kia voĉo! La sono trapenetras ŝian koron!, Kaj li nur diras ion tute simplan, kion ĉiu povus diri: „Donu al mi trinki."

Jes, tio estas komprenebla. La tago estas varmega kaj la punto profunda. Sen ĉerpilo ĉi tie ja oni ne povas havigi akvon. Kial do la vorto ŝajnas tiel grava, tiel mistera, plena da profunda senco?

Tute embarasita si balbutas: „Kiel vi, estante Judo, petas trinki de mi, estante virino Samaria?"

Jes, en tio ŝi estas prava. Ĉiu kredemula juda predikisto kun abomenego forirus de la duonidalanino. Pli volonte li mortpereus pro soifo ol malpurigi sin trinkante el ŝia kruĉo. Ho, malbenante li estus forpelinta ŝin, kiel malpuran beston. Sed ĉi tiu mistera homo elpetas akvon de ŝi, kvazaŭ ŝi estus unu el liaj adeptoj . . .

Ŝi ne dubas pri la seriozeco de lia peto. Obeeme ŝi enhokas la kruĉon kaj malsuprenigas ĝin per la levila rado ĝis tien, kie la malvarmeta, refreŝiga akvo dormas en la sino de l' tero . . .

Mantremante ŝi ĝin suprentiras kaj prezentas la kruĉon timeme al la mistera fremdulo, kiu observadas silente. Jes, li soifegis; ĉar li trinkas longe kaj tiam li ekspiras kiel homo, kiu sin sentas refreŝitan. Kaj dankinte per majesta kapoflekso li rigardas ŝin per siaj gracoplenaj okuloj dirante:

„Se vi konus la donacon de Dio kaj kiu estas tiu, kiu diras al vi donu al mi trinki, vi petus lin, kaj li donus al vi vivan akvon."

Kiel mistere li parolas! Kiel mirinde tio konkordiĝas kun ŝia plej interna devinado. Sed nekompreneble estas tio! . . . La fremdulo lin tamen rigardas tiel bonvole, ke ŝi ekkuraĝas demandi lin. Kaj subite ŝi ekkonas, ke li atendas ĝuste tion.

„Sinjoro, vi ne havas ĉerpilon kaj la puto estas profunda. De kie vi do havas tiun vivan akvon?"

Sed tiam pli alten flugas ŝia spirito, kiam ŝi denove kuraĝas alrigardi ĉi tiun mirindan homon.

(Daŭrigota.)

## La internacia katolika misia movado.

La „misio“ t. e. sendado, estas la ordono plej ofte ripetita de l' Dia savinto. „Kiel la patro sendis min, tiel mi sendas vin.“ La eterna filo de l' patro estis sendita elĉiele por fondi la universalan regnon de Dio kaj ĉiuj kristanoj estas vokataj, kunhelpi kiel „misiistoj“, kiel senditoj de l' patro por perfektigi la de la filo laŭfunde kreitan regnon sur la tuta terrondo „Ironte do instruu ĉiujn popolojn!“ (Mat. 28), tio estas la misia ordono de Kristo direktata al ĉiuj liaj infanoj de ĉiuj centjaroj.

Bedaŭrinde multaj eŭropaj kristanoj ne plu altestimas la malnovan religion kaj forĵetas ĝin kiel maltaŭgan ilon. Aliflanke la idolanoj malfeliĉaj ne konante ĝis nun la lumon de la Dia vero, ĝojege akceptas la senditojn de Kristo kaj aŭdas la Dian vorton kun dankemega koro. Jes „la rikolto estas grandega, sed malmultaj estas la laboristoj!“

Hodiaŭ vivas proksimume 1700 milionoj da homoj sur la terglobo; inter ili nur 700 milionoj da kristanoj kaj inter la lastnomitaj nur 300 milionoj da katolikoj. Do ni devas konstati la doloriganfakton, ke ekzistas hodiaŭ ankoraŭ 1000 milionoj da nekristanoj kaj 1400 milionoj da nekatolikoj! Kaj tio 2000 [illegible] post la devena da nia savinto! [illegible] rikolto estas grandega! Sed la laboristoj? Laŭ fidinda statistiko de 1915 la tuta misia armeo katolika nombris 41.780 personojn. Inter ili 15.630 pastroj (5500 enlandaj), 5300 fratoj kaj 20.850 fratinoj. Do por 65.000 idolanoj po unu pastro! La senlima ĥina imperio ekzemple nur havis 1500 misiajn pastrojn t. e. por 280.000 idolanoj unu pastro! La sama lando havas proksimume 2,000.000 da baptitaj katolikoj.

Simila estas la situacio en preskaŭ ĉiuj aliaj misiaj teritorioj. Ekzemple po unu pastro estas en

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Afriko | 400 | baptitoj kaj | 82.000 | idolanoj |
| Oceanio | 300 | „ „ | 110.000 | „ |
| Japanujo | 580 | „ „ | 222.000 | „ |
| Hindujo | 860 | „ „ | 100.000 | „ |

Kie estas la laboristoj por la grandega rikolto? — La protestantoj estas tre agemaj por la misiaj entreprenoj. Dum la 19ª jarcento pli ol 185 protestantaj misiaj asocioj fondiĝis. La famkonata scienculo protestanta Harnak en Berlin nombris en la jaro 1908 8500 misiistojn kaj 12,667.000 baptitojn. Sed laŭ la usona misia revuo „The Field Afar“, en Ĥinujo sole troviĝas 26.210 protestantaj misiistoj kaj nur 15.135 katolikaj. Plue en Ĥinujo jam ekzistas 8 protestantaj universitatoj kreitaj per la donacoj de Sro Rockefeller. Kaj la jesuitoj nur plej malfacile povas daŭrigi la katolikan universitaton en Shanghai. Fine la unuiĝo de la protestantaj eklezioj en Usono, al kiu apartenas 25 milionoj da kreduloj decidis pliigi la gemisiistaron je 100.000 personoj kaj kolekti tiom da mono, ke la budĝeto alkresku ĝis 6 miliardoj da frankoj!

Do grandega estas la internacia tasko misia!

Prof. Egger, Aŭstrujo.

## El la misia agado en Afriko.

Jen tre trafa bildo el la praktika vivo, kiu bonege montras al ni la heroan bataladon, kiun devas gvidi niaj plej kuraĝaj misiistoj.

La lastaj informoj, kiuj alvenas al ni el Uganda kaj precipe al Arua, la ĉefurbo de l' forta kaj multnombra gento Leguara kaj centro de la protestanta misio (la kvakeroj amerikaj), estas tute malkontentigaj.

Ĝis nun tiuj misiistoj, kiuj venas en Afrikon provizitaj de ĉiu moderna konforto, kaj la poŝoj plenaj de oro, studadis nian sistemon, nian laboron kaj preparis la batalplanon en silento . . .

Sed hodiaŭ ili atakas furioze . . . Ili superŝutas la landon je mono . . .

Pro Simoncelli, estro de la Katotika stacio de Arua, skribas:

„Tie ĉi ni katolikaj misiistoj estas du solaj kaj sen monrimedoj. Ni laboradas plenenergie, sed la danĝero estas tiel grava, ke, se la Sinjoro ne helpos, ne estos malproksima la tago, kiam ni estos, subigitaj . . .

Jam plej ofte ni laŭtigis nian voĉon al la katolikoj, por ke en tiu ĉi milito ili helpu; ni petegis ilin malpermesi, ke la belaj regionoj de la Centra Afriko fariĝu protestantaj landoj anstataŭ ĝardenoj de la katolika eklezio. Sed ankoraŭ unufoje en tiu ĉi kritika momento, ni ripetas nian plej koran peton . . .

Kiam en la ĵurnaloj ni legas, kion la protestantoj faras por siaj misioj, ni ne kuraĝas silenti kaj sufoki en la gorĝo la vokon, kiu propamove eliras, por rememorigi al la katolikoj ilian devon.

Antaŭ malmultaj monatoj ni legis en la ‚Daily Telegraph‘ raporton pri la anglikana misia kongreso en Londono, Halbert Hall:

La anglikana episkopo de la Zulu'a misio faris la proponon rikolti en 72 horoj unu milionon da frankoj. La propono estis senprokraste akceptata kaj kun tiom da entuziasmo, ke ŝajnis vere mirinda. Ĉiuj ĉeestantoj malplenigis la monujojn; viroj eĉ fordonis la horloĝojn, virinoj la fingroringojn, braceletojn, perlajn cirkaŭkolojn . . . la sumoj kolektitaj en mono dum kvar horoj estis unu milionon kaj duono . . .“

Rimarko. La „Filoj de l' Sankta Koro“ prizorgas la evangeliigon de la regionoj de Centra Afriko. Informojn donas Sro Reni Amerigo, delegito de Ika en San Bonifacio, Verona, Italujo. Reni Amerigo.

## Kio estas Ika?

Ika estas „io“. Pri tio dubas neniu. Sed ekzistas saĝaj homoj, kiuj opinias, Ika estas „io“ malbona, kiun oni devas mortigi . . . Aliaj tamen, ankaŭ saĝaj homoj, diras kontraŭon. Do, kio estas „Ika“?

Sendube Ika estas „infano“. Ofte estas malfacile diveni, kiel evoluiĝos infanoj. Do estas iomete malfacile diri, kio Ika estas. Diru ni, ĝi estas infano, naskiĝinta en Hago, baptita en Graz — kaj nun ĝi volas vojaĝi Luxembourg'on. Do nia ofte „mortdirita“ infano jam marŝas iomete.

Sed ni ne volas babiladi, ankaŭ ne fanfaronadi! Tute simple ni provu esprimi, kio Ika estas kaj kion ĝi volas.

Ika estas movado por la kunhelpema interfratiĝo de la apartaj katolikoj — ili ja estas gefratoj en Kristo — kaj de la katolikaj organizoj aŭ institucioj diverslandaj.

Ika estas spirita movado, kiu alceladas, disvastigadi laŭpove en la senama, senpaca, senkrista, senreligia homaro modorna la vere korbruligan katolikan fratamon, por ke ekstaru inter homoj kaj homoj, inter nacioj kaj nacioj la regno de amo kaj paco, la vivanta regno de Jesuo-Kristo. Do realigi fakte kaj praktike kaj senkompromise en ĉiuj rilatoj kaj ĉiuj londiĉoj la principojn de la Sankta Evangelio laŭ la eterna instruado de la Roma Eklezio, tio estas spirito interna de Ika.

Sed ni ne estu ideologoj! Certe „la spirito estas, kiu vivigas“. Sed la spirito sankta de Dio, reganta en la mondo, efike nur povas agadi, se li havas taŭgajn instrumentojn. Do krei paŝo post paŝo praktikajn laborinstrumentojn por la internacia katolika agado moderna, tio estas ĉefa praktika celo de Ika, ekz. perfektigi Centran Oficejon por organizite disvastigadi kaj propagandi la ideon, por peradi la interrilatojn, perfektigi Infernacian Informejon Katolikan, eldonejon, gazeton ktp., por aranĝi kongresojn, konferencojn . . .

Plue Ika volas subteni la kreon aŭ perfektigon de memstaraj internaciaj ligoj por apartaj profesioj (ekz. laboristoj, instruistoj, virinoj, gejunuloj ktp.) aŭ por specialaj taskoj de la nuna agado katolika internacia en ĉiama kunlaborado kun la jam ekzistantaj organizoj aŭ institucioj, ekz. por internacia gazetara servo katolika, porĉasta movado internacia, por kontraŭalkola agado, por la katolikaj lernejoj ktp.

Unuvorte „Ika“ alceladas la realigon de vere universala katolika helporganizacio, kiu en ĉiama kaj absoluta subordono sub la eklezia aŭtoritato klopodas kunhelpi por realigi la vivan regnon de Kristo laŭ la bezonoj de la moderna tempo. — Do granda, entuziasmiga, sankta tasko!

Ika kaj Esperanto? La plej interna senco de Esperanto estas la kunhelpema interfratiĝo de ĉiuj homoj. Do disvastigadi Esperanton en katolikaj rondoj samtempe estas kunlabori praktike por realigi la sanktan taskon de Ika. Kiu per sia agado eĉ nur unu fraton gajnas por Esperanto kaj ties interna ideo, tiu jam multe laboris por realigi la celon de Ika. Li ekbruligis unu koron por la sankta fajro de interfratiĝa kunlaborado. Kiu kolektas grupon de samideanoj, li estas admirinda kunhelpanto de nia movado: ĉar li kunhelpas por havi armeon de fortaj viroj kaj virinoj, kiu povas akiri la mondon. Do Esperanto estas por Ika plej taŭga ilo por alveni al sia granda celo, disvastigadi la ideon de interfratiĝa, de praktika kunlaborado inter la katolikoj de la tuta mondo. La ideala celo de Ika estas kaj estos, ke kiel eble plej multaj katolikoj, precipe la gvidantoj, uzu praktike nian helplingvon en la internacia interrilato. Sed tiel alta celo ne estas realegebla jam komence; estas ja fina celo. Pro tio Ika decidis, ke por ĝia lasta celo ankaŭ laŭbezone estu uzataj sendiference aliaj ĉefaj lingvoj. Ĉar pripensu nur! Kiel interesigi ekz. gvidanton de franca katolika agado, kiu ankoraŭ ne komprenas Esperanton? Mi do devas skribi unue francilingve! Ĉu ne? Alie li ne komprenas min. Mi devas klarigi al li la grandan celon de Ika. Eble li diros: tio estas vere grava problemo. Mi invitos lin, viziti nian kongreson. Kio okazos? Li praktike vidos la eblecon, ke katolikaj fratoj plej diverslandaj povas vere paroli en unu sama lingvo kaj li diros: Nun mi ankaŭ lernos Esperanton! Ĉu tiu metodo ne estas praktika, sukcesplena? Niaj amikoj en Essen (Germanujo) per tiu metodo gajnis dum kelkaj monatoj kvarcent ĝis kvincent Ika-anojn, samtempe Esperantistojn! La ideo de la internacia kunlaborado varbas jam per sia interna grandeco. Kiu tamen brulas de la interna ideo, la kunhelpema interfratiĝo, tiu pli volonte ankaŭ lernos la helplingvon.

Do sur ĉi tiu vasta fundamento laŭ mia opinio ĉiuj samideanoj katolikaj vere povas esti unuigitaj! Se io disunuigis nin, fakte ne estis diferenco de la opinioj. Mi estas konvinkita, ke nur estis malfeliĉegaj malkomprenoj! Do ni tendu la manojn trâ la landoj kaj la maroj! Ni forgesu la pasintecon. Ni marŝu ŝultro ĉe ŝultro, kiel fratoj, kiel disĉiploj de la ĉionampleksa amo de Jesuo-Kristo!

Kasparo Mayr.

## Donu al ni Esperanto-preĝlibrojn — donu al ni la necesan kapitalon!

Plej volonte ni publikigis en la lasta numero la tiu rilatan alvokon de la kara Litova samideano kaj ĝoje ni povas sciigi niajn amikojn, ke Paŭlus-eldonejo (eldonejo de Ika) jam longtempe estas komencinta interrilatojn por eldoni plej baldaŭe tri bonajn kristajn verkojn: La Novan Testamenton en katolika eldono, la Imitadon de Kristo kaj vere praktikan kaj modernan preĝlibron katolikan. Sed la eldono de tiuspecaj gravaj verkoj postulas unue plej diligentan preparon kaj due multan kapitalon. La preparajn laborojn ni volonte prizorgos, sed por havigi la necesan kapitalon ni devas elpeti la kunhelpon de la samideanaro. Pro tio mi faras praktikan proponon. Paŭlus-eldonejo estas akcia unuiĝo. Ĝi plej facile povas eldoni akciojn por la speciala tasko, eldoni la plej gravajn verkojn katolikajn, precipe komence la plej necesajn: La Novan Testamenton, la Imitadon de Kristo kaj praktikan preĝlibron. Do mi direktas al ĉiuj samideanoj la plej urĝan peton, **aĉetu akciojn de la Paŭlus-eldonejo de 1000 kaj 10.000 a. Kron.** Laŭ la nuna stato de la aŭstria valuto tio estas plej facila afero. Do sendu tuj monon en viaj naciaj bankbiletoj aŭ en ĉekoj skribitaj en via nacia monvaloro al Paŭlus-eldonejo sub „Katolikaj Verkoj“. Kaj tuj ricevos vi provizoran kvitancon. La oficialaj akciaj partoj estos tuj eldonotaj, kiam la laŭleĝa aprobo de la akcia unuiĝo kiel internacia societo estos donata. La pri tio jam longe komencitaj intertraktadoj ankoraŭ ne estas finitaj. La „birokratismo“ marŝas tre malrapidege! Cetere ni povas komuniki, ke nia eldonejo dum ĉi tiu monato estas pligrandigita. Do estonte pli precisa plenumo de ĉiuj deziroj estos ebla. Superflue estas diri, ke en la nuna financa kristempo internacia la perfektigo kaj pligrandigo de nova eldonejo internacia estas plej malfacila tasko. Sed la bela ĝisnuna ekfloro estas plej bona pruvo de la sukceso.

La redakcio.

## Pensetoj de pensemulo!

Pensemulo! Ho, ĉi tiu estas plej danĝera homo, tre malagrabla ĉe la superuloj de l' mondo. Ĉar, oni diras, pensemulo ofte estas pli forta ol multaj glavoj kaj grandaj armeoj. Do gardu vin, amiko, kaj ne estiĝu pensemulo! . . .

Tamen kelkfoje oni devas pensi. Pro la Dia regno! Mi legas jenajn faktojn:

Budapest. La nombro de la loĝantaro dum la lastaj 50 jaroj multege pligrandiĝis. 1870 ensume 270.476, 1920 930.247, katolikoj 1870 195.624, 1920 554.672.

Dum ĉi tiuj 50 jaroj oni fondis nur unu parohon kaj konstruis nur 7 ekleziojn kaj kelkajn kapelojn. Krom la monaĥejoj eklezioj por 555.000 katolikoj nur ekzistas 59 eklezioj kaj kapeloj. Sed ĉi tiuj eklezioj plej grandparte troviĝas en la internaj partoj de l' urbo. Ekzistas novaj kvartaloj kun 87.000, 8100, 60.000 ktp. katolikoj, kiuj ne havas pli ol unu preĝejon! . . .

Vieno. Mi aŭdas pri Vieno: Okaze de la parlamentaj elektoj post la revolucio 90% de ĉiuj viroj elektis socialistajn deputatojn. Ekzistas parohoj grandegaj, kie por 70.000 animoj nur estas 5—7 pastrojn . . . Multaj infanoj ne estas baptitaj . . .

Romo. Antaŭ nelonge okazis oficiala statistiko pri la religia instruo de la romo loĝantaro. La rezultoj konigas, ke 48% de la loĝantaro nenion scias pri la katolika religio kaj vivas kiel idolanoj; 50% havas sufiĉan religian instruon kaj nur 2% estas bone instruitaj pri la vera religio . . . Kaj mia saĝa raportisto daŭrigas: „Ĉi tiuj ciferoj estas teruriganta kaj montras la necesegon de ‚enlanda misio‘ de la rekristanigo de nia Eŭropo, eĉ de Romo, la ĉefurbo de la katolikaro.“

Kion nu pensu la pensemulo? Li pensas, ke estas plej danĝera, eĉ nur en sia malsaĝega kapo demandi, kiu estas kulpa je tio! Kaj li tute ne volas konstati, ke ekzistas kelkfoje „dormanta eklezio“ kaj li tute ne volas malpravigi ilin, kiuj grandbuŝe ĉiam diras: Ho ĉe ni, ĉio estas eminentega. Ni ja vivas en katolika lando kaj katolikega urbo!! — Li preferas silenti, la malsaĝega pensemulo, ĉar la ŝtonoj predikos . . .

Pensemulo.

## La katolika politika agado en Belgujo.

(Originala Raporto.)

Oni jam scias, ke la nuna reĝolando de Belgujo ekzistas de 1830, kiam la belga popola proklamis sian sendependecon de la nederlanda ŝtato:

La politika vivo sin partumas en tri ĉefaj opinioj: la katolika, la socialista kaj la liberala. La du unuaj adjektivoj samsignifas en ĉiuj landoj kaj ne bezonas klarigojn. Sed la tria: „liberala“ havas propran kaj kelkfoje kontraŭan signifon en kelkaj landoj. Tiel en Francujo, la liberala partio estas favora al katolikismo. Sed kontraŭe en Belgujo, la liberala partio estas kontraŭeklezia partio, kies celo estas la detruo de la katolika religio. Ĉi tiu partio kaŝeme klopodis trafi sian celon kaj per similaj rimedoj ol tiuj uzitaj de la kontraŭekleziaj partioj en Francujo. De la fondo de la sendependa Belgujo ĝis 1884, la liberala partio estis la registara partio. La popola

opinio estis tiam favora al la liberalismo. Ĉiu sopiris al libereco kaj neniu pensis, ke liberalismo povus esti kontraŭreligia movado. Sed kiam la libera partio ekmontris sian veran celon, ekfariĝis persekutinto de la religiaj sentoj, kiujn multe ŝatas la loĝantaro, tiam ĝi perdis influon. La katolika partio alvenis al la registaro. De 1884, la katolikoj sukcese direktis la publikajn aferojn de Belgujo. La materia prospero de la lando ĉiujare kreskis, kaj, kiam la tutmonda milito komencis, Belgujo estis la plej prospera lando de Eŭropo.

La lastaj balotoj (novembro 1921) estis grava venko de la katolikoj, malgraŭ la fortaj klopodoj de iliaj kontraŭuloj: la liberaluloj kaj socialistoj. Precipe ĉi tiu lasta estis perdinta mulnombrajn sidojn (15 ĉe la Parlamento).

Nuntempe la registaro enhavas kvin katolikajn ministrojn: Sro Moyersven por la industrio kaj laboro, Sro Berryer por enlandaj kaj prohigienaj aferoj, Sro van de Vijvere por la ekonomiaj aferoj, Sro barono Ruzetti por terkulturo, Sro Jaspar por la eksteraj aferoj. La ministraro nombras 11 membrojn, kaj sia prezidanto Sro Theunis, financa ministro, kiu estas aliĝinta al neniu partio antaŭ okupi ĉi tiun postenon, estas praktika katoliko. Tiamaniere oni povas vere diri, ke la ministraro de Belgujo estas plimulte katolika.

La Parlamento sume enkalkulas 186 deputatojn, inter kiuj 82 katolikoj.

La senato enhavas 73 katolikojn kaj sume 160 membrojn.

La virinoj ne partoprenas la balotojn, sed ili povas esti elektataj ĉu por la Parlamento, ĉu por la senato. Ĉi tiu kunsidantaro enhavas unu virinon el la socialista partio.

La katolikaj parlamentanoj estas kunigitaj en federacia partio, kiel sin tiolas la katolika partio, kaj defendas bloke la katolikajn ideojn kaj klopodas energie por ilin realigi. Tiu granda partio sin dividas en kelkajn sekciojn, laŭ apartaj celoj, ekzemple la Demokrata Katolika Rondo de la Parlamento. Sed ĉiuj katolikaj parlamentanoj subtenas la katolikajn postulojn. La ĉefa nuntempe estas la leĝa oficialigo de la religiaj lernejoj. Fakte tio jam estas realigita, ĉar la belga registaro subtenas la katolikajn privatlernejojn, kiel la ŝtatajn, sed ne ekzistas leĝo por garantii estonton.

La katolika gazetaro belga nombras eble d e k ĉefajn ĵurnalojn, inter kiuj citindaj estas: La Libre Belgique (La Libera Belgio) ĉiutaga, Bruselo, la Nation Belge (La Belga Nacio) ĉiutaga, Bruselo; De Standaard (La Standardo) ĉiutaga, Bruselo; Le XXème siècle (La XXa jarcento) semajna, Bruselo; Le Bien Public (La Puplika Bono) ĉiutage, Gand. Eliras ankaŭ multaj aliaj katolikaj revuoj, ĉu semajne, ĉu monate.

La ĝenerala movado katolika estas tre vigla en Belgujo. Ekzistas multnombraj unuiĝoj por junuloj, laboristoj kaj aliaj fakoj. Gravaj estas la Federacio de la Sociaj Kristanaj Entreprenoj (Sekretariejo: Liège, 118 Boulevard de la Sauvenière) kaj la Ligo de la kamparanoj aŭ Boerenbond (Sidejo: Louvain, rue des Recollets).

Estas ankaŭ rimarkinda la katolika Universitato de Louvain, ĉe kiu studas pli ol da 3000 gejunuloj, kaj kiu preparas bonajn profesiistojn en ĉiuj fakoj de la moderna tempo.

Konkludo: la belgaj katolikoj ne dormas, sed laboras por gardi la progresojn antaŭe akiritajn kaj ankaŭ por akiri novajn. G. R.

## Por la katolikaj lernejoj.

Preskaŭ en la tuta mondo ekbruliĝis akra batalado kontraŭ la religiaj lernejoj, precipe kontraŭ la religia instruado de la infanoj laŭ la principoj de la katolika kredo. La kontraŭekleziuloj nenion preterlasas por neebligi la publikan religian instruadon de l' infanoj. Plej ruzaj kaj plej diversaj estas iliaj metodoj por atingi la unu saman celon, elŝiri el la infanaj koroj la amon al nia patrino, l' eklezio katolika. Baldaŭ ili penadas, eldonigi leĝojn per la stataj aŭ urbaj parlamentoj, malpermesantajn la religian instruadon. Baldaŭ ili — kaj tiu ĉi metodo estas pli danĝera — klopodas konkeri la universitatojn kaj la altajn lernejojn, kie oni edukas la estontajn instruistojn.

Ke ĉi tiu batalado kontraŭ la religiaj lernejoj fakte estas internacia kai bone organizata, montru la sekvonta mallonga skizo.

En Portugalujo la akra batalado inter la katolikoj kaj la kontraŭekleziuloj ne ankoraŭ estas finita. Pri la energiaj klopodoj en Hispanujo por rekristanigi la lernejojn kaj la instruistojn ni raportis en la lasta numero. En Francujo la leĝoj kontraŭ la publika religia instruado valoras kaj ekzistas penadoj ilin ankaŭ apliki en la novaj provincoj. Tamen interpaciĝo inter ŝtato kaj eklezio estas komencita. En Nederlando la katolikaj atingis grandan venkon. Tie ĉiu konfesio rajtas starigi konfesiajn lernejojn, kiujn la ŝtato same subtenas kiel la publikajn ŝtatlernejojn. Simila leĝo estas preparata en Belgujo. Plej akra estas nuntempe la batalado kontraŭ la religiaj lernejoj en Germanujo. La nova konstitucio de 1918 unuflanke alportis grandan liberecon por la katolikoj; aliflanke, malgraŭ plej energiaj klopodoj de la katolikoj, oni ne povis evitigi, ke estis akceptitaj kelkaj ĝeneralaj leĝoj, kiuj povus danĝerigi la religian instruadon de l' infanoj, se oni ne ĉiam prudente kontraŭagadus. Pri la definitiva formo de tiurilataj leĝoj akrega interbatalado estas komencita. Similajn tendencojn kontraŭreligiajn oni rimarkas en Polujo, Jugoslavujo, Austrujo, Ĉeĥoslovakujo. En multaj urboj de Italujo la kontraŭekleziuloj senlace klopodas senreligiigi la publikajn lernejojn. Grandan sukceson lasttempe atingis la katolikoj de Milano. La socialista urba parlamento estis decidinta malpermesi religian instruon en la publikaj lernejoj. Tuj la katolikoj kolektis 27000 subskribojn por ĝia reenkonduko. Sed la urba parlamento refuzis la monon por pagi la salajrojn de l' instruistoj. Propravole nun katolikoj kolektis la necesan monsumon kaj jam nun ili povas pagi 100 instruistojn por ĉi tiu tasko . . .

Tre ĝojigaj kaj sukcesplenaj estas la klopodoj krei katolikajn universitatojn. Krom la famkonata internacia katolika universitato en Fribourg (Svisujo), la universitato de Leuven (Louvain) belege reekfloras. Plue nova internacia universitato katolika estas fondita dum la pasinta jaro en Milano (Italujo). La nederlandaj katolikoj klopodas fondi baldaŭ propran katolikan universitaton. Samtempe venas sciigoj el Usono, ke la katolikoj intencas krei novan universitaton katolikan . . .

Jam ĉi tiu bildeto montras la eminentan gravecon de la internacia agado katolika por la katolikaj lernejoj. Estus certe interesega, legi en K. M. pli detalajn raportojn el la diversaj landoj koncerne ĉi tiun temon, menciante precipe la malfacilaĵojn, la spertojn, la trovitajn solvojn ktp. Do pliriĉigu la internacian gazeton! Tiamamere vi ankaŭ subtenas la agadon por la katolikaj lernejoj. L.

## La terura mizero en Ruslando.

La katastrofo de malsato en Rusujo estas la plej granda mizero dum la nunjara vintro. La longdaŭra senpluveco kaj la per ĝi kaŭzita dumsomera sekeco dezertigis vastegajn regionojn alijare fruktoriĉajn. Vere kortuŝantaj helpkrioj venas ĉiutage el la malfeliĉaj teritoroj, kie milionoj da malsatuloj estas forrabitaj per la kruela morto. Mi nur kunmetas ĉi tie kelkajn statistikajn sciigojn, kiuj aperis en oficialaj raportoj. Laŭ fidinda publikigo la nombro de la malsatuloj entute estas proksimume 33 milionoj. Oni opinias ke eble du milionoj jam estas mortintaj. Plej plorindaj estas la malfeliĉegaj infanoj. Per la helpagado de Sro Hoover oni satigas ĉiutage eble 300.000 infanojn; per la sava entrepreno de Sro Nanssen 372.000 infanoj. Ensume eble 6—8 milionoj estas subtenataj. La tuta restaĵo ĝis nun estas sen iu helpo. Kelkaj detalaĵoj. En Charkow la tuta nombro de la malsatuloj estas 400.000, inter ili 109.000 infanoj. En la departamento de Cherson 1,000.000, inter ili 400.000 infanoj. En la antaŭa „Tartara Respubliko" oni ne plu povas enterigi la korpojn de la mortintaj. En la teritorio de la Baŝkiroj 300.000 nfanoj estas sen nutraĵoj. Oni faras panaĉon el pajlo kaj maizpiŝtoj. De kiam estas veninta la vintra frostro multaj familioj loĝas en grandaj bareloj por varmigi unu la alian. En Samara ofte oni kondukas la sennutrajn infanojn en la stepon, por ke ili rapide postmortu. En la gubernio de Budsuluk 500.000 homoj kruelan suferas malsaton. 30.000 estas mortintaj dum la lastaj tri monatoj . .

Ĵus alvenis ĉi tiu urĝa helpkrio de rusaj patrinoj. „Ni petegas la tutan homaron, savu almenaŭ niajn infanojn. Ni mem per eterna disiĝo volas rebonigi la maljustaĵon, kiun al ili ni faris naskiginte ilin. Ni mem perdis ĉian esperon. Sed ni volas esti feliĉaj, se ili scias, ke almenaŭ siaj infanoj estas savitaj . . ."

Vere kortuŝantaj bildoj de la senfina mizero! Kaj tio en la mezo de Eŭropo, en la epoko de la internacia komerco kaj tuthomara interrilatiĝo! Pli ol 2000 jaroj depost la alveno de la Dia Savinto, kiu ekkriis: venu vi benitaj de mia patro; mi estis malsatulo kaj vi satigis min! . . . Kiu diris: ĉion, kion vi bonfaris al la plej infima de miaj fratoj, vi faris al mi mem! Se oni tramigras la urbojn de la okcidenta terparto kaj vidas la hotelojn kaj salonojn superfluantajn de lukso kaj de riĉeco, oni kun malĝoja, kun dolordisŝirita koro devas demandi ĉiam denove: Kie estas la kristana fratamo? Ho se nur ni katolikoj volus organizi grandegan kolektadon kaj helpservon por la malsatulaj fratoj en Ruslando! Do internacia agada centro por tiuspecaj taskoj estus utilega! F. J.

## El ĉiuj landoj.

**Societo de Jesuo.** La bela ekfloro de iu ordeno ĉiam estas plej taŭga pruvo por la vigla interna spirito. La nombro de la membroj dum la lasta jaro multe kreskis. 295 novaj anoj aliĝis al la ordeno, inter ili 132 pastroj, 148 studantoj, 15 fratoj.

**Palestino.** La „cionista ŝtato", kiu devus esti starigota ĉi tie, ŝajne ne sukcesos sufiĉe. Multe da enmigrintaj judoj forlasas la malriĉan landon kaj la eksterlandaj subtenoj financaj malpligrandiĝas. La nun grandparte malfrukta lando nur per plej diligenta laboro povas esti sufiĉa fundamento por memstara ŝtato kun pli multnobra loĝantaro. K.

**Belgujo.** La katolika Universitato de Leuven, fondita de la nuna kardinalo Msro. Mercier, nombras nun pli ol tri mil da studantoj. Oni ankaŭ praktike laboras por la solvo de la sociaj problemoj. Komence de ĉi tiu jaro estis aranĝitaj kursoj por flegistinoj. La biblioteko, forbrulita dum la milito, estos baldaŭ rekonstruota, dank' al la monhelpo de Usono. Ĝi enhavos pli ol 450.000 volumoj. G. R.

**Francujo.** La „Bulteno de katolikaj universitataj profesoroj" organizos en Lyon katolikajn konferencojn dum la Paska semajno, al kiu estas inivitataj ĉiuj instruistoj kaj profesoroj de la publika instruo. Programo: la tasko de la kristanaj edukistoj; grupigo de la geinstruistoj; la neŭtraleco en la instruo. G. R.

**Germanujo.** La 52a generala kunveno de la germanaj katolikoj en ĉi tiu jaro okazos en München, Bavarujo, 27a ĝis 30a aŭgusto. Sendube ankaŭ la nunjara kunveno estos grandioza demonstracio de la katolika agado.

**Latvia.** La konkordato kun la Sankta Apostola Seĝo estas kontraktata. L' eklezio per ĝi havas tutan memstarecon en la internaj religiaj aferoj. La ŝtato, malgraŭ plej grandparte nekatolika subtenas la religiajn komunumojn. Kiel unua episkopo de Riga estas elektata Msro. Springowitsch.

**Hindujo.** Je la fino de la lastjara decembro en Bombay okazis sub la prezido de l' ĉefepiskopo de Bombay tuthinda katolika kongreso, kie oni pritraktis gravajn aferojn de la katolika agado en Hindujo, Birmas kaj Ceylon. La ĉefa praktika rezulto de ĉi tiu kunveno estis la kreo de tuthinda katolika komitato por la katolikaj aferoj. S.

**Usono.** Multegaj antaŭjuĝoj kontraŭ la katolika eklezio estas ĉi tie disvastigataj inter la plimulto de niaj kunŝtatanoj. Ĉefa kialo precipe estas la manko de influa katolika gazetaro. Ĉar krom unu ĉiutaga ĵurnalo la katolikoj ĝis nun ne posedis pli gravan ĵurnalon aŭ revuon. Sed nun oni komencas viglan agadon. N. C. W. C. (nacia katolika sava konsilantaro) fondis gazetaran servon, nomigante korespondantojn en preskaŭ ĉiuj katolikaj landoj. Alia praktika vojo, kiu en Eŭropo iomete ŝajnas stranga, sukcese estas provita. Du riĉaj komercistoj katolikoj pagis la spacon por pluraj kolonoj en gazetoj legitaj de multaj milionoj kaj en interkonsento kun eklezia aŭtoritato ili tie pritraktas katolikajn problemojn por forigi la kontraŭjuĝojn. La agada bonvole estas akceptita de la nekatolikoj.

## Libera tribuno.

### Kiel oni regajnu la „proletariaton" por Kristo kaj l' Eklezio?

Certe ĉi tiu problemo estas la plej grava en multaj landoj por la katolika Eklezio. Estus treege interesa sciiĝi, kiel oni pensas pri la problemo en diversaj landoj. Mi hodiaŭ nur diru kelkajn vidpunktojn rimarkindajn laŭ mia opinio.

Por solvi la problemon, oni devas plej ekzakte kaj senantaŭjuĝe ekkoni ties verajn fontojn. Alie oni certe ne sukcesos. Laŭ miaj personaj spertoj — krom la ĝeneralaj kialoj de la apostatiĝo de l' kredo — ekzistas kelkaj specialaj kialoj por la vere terura malaniĝo de la proletariato. Kion diras la proletariato mem? La laboristoj riproĉas al la eklezio — memkompreneble tute kunfandigante personojn kaj aferon — ke ĝi estis malamiko de la justaj postuloj de la laboristaro, ke ĝi defendis nur la rajtojn de la posedantoj kaj precipe ke ĝi protektis la „kapitalismon" t. e. la ekspluaton de la manlaboristoj per la kapitalo; speciale en kelkaj landoj la proletariato atakas la eklezion dirante ke ties servistoj plej multe defendis la militon, kunpartoprenantoj per tio je la milita kulpo. Ĝenerale oni povas legi en la laborista gazetaro, ke la Eklezio forlasis la prakristanan spiriton, estiĝinta nuna servistino de la kapitalista ŝtato, kiu pro tio reciproke devis konservi la Eklezion kiel gardiston de la nejusta kapitalista ordo hodiaŭa.

Ne estas necese ĉi tie akcenti la malveraĵojn kaj troigaĵojn de tielaj asertoj! Pli necese kaj fruktige estas esplori la veran kernon de tielaj riproĉoj. Mi tute ne volas aranĝi publikan esploron de la konscienco, tamen mi akcentas, ke tre serioza pripensado tiudirekta estas necesega, se oni volas iel sukcesi en la klopodoj de regajno de la proletariato. Estas la — ofte aplikata — plej malĝusta, ĉar maljusta metodo, tute nei ĉian pravecon de tielaj riproĉoj kaj nepre defendi ĉian ajn eklezian personon aŭ ties agadmanieron. Plej bone ni simple diru: Ni ne juĝu pri personoj! Kondiĉe ke tio aŭ tio estus vera, mi ne aprobas tion. La Eklezio ne estas identa kun ĝiaj servistoj. La vera celo de l' Eklezio ne estas tiela, kontraŭe laŭ la ekzemplo de la Dia Majstro l' Eklezio estis, estas kaj estos protektanto de la malriĉuloj, neposedantaj, ekspluatitaj, malsatantaj kaj plorantaj, ne militema, sed pacemega, eĉ direktanta en la pacema movado ktp. Kaj oni ne nur parolu tiele, sed zorgu, ke la persona agado de ni ĉiuj korespondadu al siaj asertoj! Ni estu veraj amikoj de la vere suferanta amaso, ofte maluzita de nerespondecaj homoj! Ni zorgu en malegoista maniero pri la korpaj, spiritaj kaj animaj necesoj de la neposedantoj, kaj ni gajnos la konfidon, kiu estas unua kondiĉo de la sukceso en niaj klopodoj! Kaj ni prediku Kriston kaj la evangelion kiel la apostoloj, plenaj de interna konvinko, sen timo aŭ homa respekto, kaj la proletariato komprenos nin kaj sekvos la veran vojon de sia savo: la vojon de Kristo. Ma.

(Oni elpetas aliajn opiniodirojn.)

## Mondjunularo Katolika (Moka).

### Komunikoj de la Centra Oficejo.

Ĝoju la tuta Moka-anaro: Mi sendis al diversaj episkopoj en Aŭstrujo, Germanujo ktp. la plej novan broŝuron „Ni katolikoj kaj la [illegible] spondis, dezirante al nia Moka plenan sukceson kaj Dian plej riĉan benon. Tiu fakto estas tre grava, ĉar iom post iom la episkoparo diverslanda ekkonis la grandan signifon de Mondjunularo Katolika. — La sesa cirkulero estas dissendita antaŭ kelkaj semajnoj kaj ĝis nun ankoraŭ ne ĉiuj delegitoj respondis ĝin kaj resendis la almetitan papereton. Mi kore petas, ne forgesu tion! Kiu dufoje ne respondas je la cirkuleroj, estas forstrekata el la listo de la delegitoj. Ni nepre bezonas nur aktivajn delegitojn! La dua internacia kongreso de Moka okazos samtempe kun la Ika-kongreso en Luxembourg la 30an de julio ĝis 3an de aŭgusto. Estas tre dezirinde, ke kiel eble plej multaj Moka-anoj partoprenu, por ke la Moka-kongreso fariĝu manifestacio de la tutmonda katolika gejunularo. Ĉiu delegito kaj Moka-ano jam nun komencu ŝpari! Ĉiu grupo kolektu monon por povi sendi almenaŭ unu delegiton! La kongreskomitato faros ĉion eblan por faciligi al la Moka-anoj la restadon en la kongresurbo!

La landajn sekretariojn kaj delegitojn mi petas, sendi al mi kiel eble plej baldaŭ raportojn pri la katolika junula movado kaj informojn pri ties organizoj.

Hanns Sappl, ĉefsekretario.

## 2a Internacia Laborkongreso Katolika Luxembourg.

**31a julio ĝis 3a aŭgusto 1922.**

4a komuniko.

La intereso por nia dua kongreso estas granda en rondoj katolikaj interesiĝantaj por la praktika kunlaborado internacia. Laŭ la nuna stato de la intertraktadoj komencitaj oni povas esperi, ke pioniroj de la internacia agado katolika partoprenos la kongreson. Faru ni nian devon!

**Kotizo.** La kotizo estas fiksita jene: por Svisujo, Hispanujo, Anglujo, Francujo, Italujo kaj similvalutaj statoj 10 Fr., P., S., L. ktp. Por Germanujo, Baltikaj ŝtatoj, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Jugoslavio kaj similvalutaj ŝtatoj 30 M., ĉ.K., L., D. ktp.; por Hungarujo 100 h. K., por Polujo, Aŭstrujo 300 p. M., 300 a. K. — Por gejunuloj, studantoj ktp. oni povas doni rabaton ĝis 50% laŭ interkonsento.

**Kongrespartoprenanto** estas ĉiu katoliko, kiu pagis la kongreskotizon. Se li persone ne povas ĉeesti, li ricevos kongresraporton laŭeble presigotan.

**Invitoj** estas presitaj en angla, franca, germana, itala lingvoj. Mendu kaj disdonu ilin al interesemuloj!

**Financa subteno.** La elspezoj por la preparo kaj aranĝo estas grandaj. Financa subteno estas plej urĝa devo.

**Ne forgesu sendi monon por la garantia fundo. Kolektu, sendu tuj mondonacojn!**

Monon por la kongreso oni pagu **en naciaj bankbiletoj** de la partoprenantoj per enskribata letero al „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5 (Aŭstrujo), sub „Kongreso" aŭ al la nacia direktoro de Ika. Oni ne pagu en aŭstraj kronoj kaj ne per poŝtavizoj!!

**Ia listo de la partoprenontoj:** Prel. Dro A. Gießwein, Budapest; Prof. W. Arnold, Zug; Dro Metzger, Graz; R. P. Philippe, Bruxelles; Sro G. Hoog, Parizo; Tino Dubancourt, Parizo; Sro H. Sappl, Graz; Sro Probst, Bruchsal; Prof. Carolfi, Italujo; Sro K. Mayr, Graz; Pro G. Rambouse, Leuven; Sro Hookham, Anglujo.

**Anoncu vin tuj! Fortranĉu ĉi-tiun aliĝilon, kaj sendu ĝin al Ika,** Graz, Karmeliterplatz 5!

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## Aliĝilo.

La subskribinto sin anoncas kiel individua membro . . . . . . . . . . . . . . kiel reprezentanto de

Li deziras loĝigon en hotelo (1a, 2a, 3a klaso) . . . . . . . . . . .

en privata loĝejo (1a, 2a, 3a klaso) . . . . . . . . . . . .

komunan loĝejon en katolika instituto . . . . . . . . . .

Li pagas la kotizon de . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . per enskribita letero,

per . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Nomo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Strato: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Profesio: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Ŝtato: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Urbo: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Provinco: . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## La organizo de la katolika junula movado tutmonda.

Aŭstrujo: Fondita 1909; Ĉefsekretariejo en Wien. Nuna stato: 600 societoj kun 30.000 membroj kaj 3 monataj gazetoj.

Germanujo: Sidejo en Düsseldorf. Prezidanto: Prelato Mosterts. 3200 societoj kun 350.000 membroj. Eldonas 5 gazetojn. La centrejo okupas 47 oficistojn.

Italujo: Fondita 1871. Sidejo en Romo. 330 societoj kun 30.000 membroj. La programo de la itala katolika junularo estas „preĝo, ofero kaj laboro".

Nederlando: Sidejo en Amsterdam. Ĉirkaŭ 30.000 membroj kun du organoj.

Svisujo: Sidejo en Zug. Prezidanto: Paroĥestro Züger. Stato: 300 societoj kun 15.000 membroj. Eldonas unu gazeton junulan „Jugendwacht" (aliĝinta al Moka). (Daŭrigota.)

La tutmonda katolika gejunularo estas bone organizata en landaj ligoj, kiuj bone laboras. En multaj ŝtatoj ekz. en Hispanujo, Usono, Ĉeĥoslovakujo vigla organizado de la junula movado dum la lastaj jaroj komencis. Kio mankis ĝis nun, tio estas la vere praktika kaj frata kunlaborado internacia. Feliĉe la tiurilataj klopodoj nun ankaŭ sukcese progresas. „Moka", kiu nun jam depost dekok monatoj plej energie laboradas, multe kunhelpos por realigi ĉi tiun belegan taskon. H. S.

## Ĉu K. M. estas tro altpreza?

Kelkfoie oni povas aŭdi, ke K. M. estas tro multekosta. Ĉu [illegible] serioze kaj malkaŝe pritraktu la demandon! Kaj ĉar la legantoj de K. M. kumune etsas posedantoj de K. M., ili mem decidu!

La prezo de K. M. kiel Esperantista gazeto devas esti pli alta ol alia gazeto, ĉar la preskostoj por fremdlingva kompostado pro ties malfaĉilaĵoj estas laŭnature pli grandaj. La kostoj de la administracio relative ne estas tro altaj, ĉar la financaj postuloj de la kunlaborantoj de l' eldonejo estas modestaj. Oni povas kalkuli, ke la kostoj de unu numero de K. M. estas por eldona nombro de 1500 ekz. 1. Preskostoj 100.000 aŭstr. *K*; 2. administracia laboro kaj ties salajroj, elspezoj por luado, hejtado, lumado, presaĵoj, relamo, provnumeroj ktp. 40.000 *K*; 3. redakcio 15.000 *K*; 4. forsendokostoj t. e. poŝtmarkoj, papero ktp. 6000 *K*; 5. gajno 0 *K*; ensume 161.000 *K*. Ĉar oni devas forkalkuli de la eldona nombro 200 ekz. por interŝanĝaj, provaj ktp. numeroj, sekve 1300 ekz. kostas 161.000 *K* aŭ unu numero 124 *K*, do la kolekto de 10 numeroj 1240 *K*. Nun oni komparu la abonan prezon, kaj oni konstatos, ke ni ĝis nun nur perdis monon kun la eldono de K. M. Kaj certe, eĉ plialtigonte la abonprezon por la malaltvalutaj landoj ĝis la limo de ebleco, ne devos malplialtigi la prezon por la aliaj landoj.

Ĉu K. M. estas tro multekosta? Jes! Sed ekzistas nur unu maniero de aliigo: la multobligo de la abonantoj, precipe el altvalutaj landoj! Ni nur kalkulu la prezon por eldona cifero de 3000 pagitaj ekz. La koncernaj elspezoj estos: 1. 125.000 *K*; 2. 50.000 *K*; 3. 15.000 *K*; 4. 12.000 *K*; ensume 202.000 *K*; do unu numero kostos 67 *K*, ne multe pli ol la duono kompare la prezon ĉe eldona cifero de hodiaŭ.

La konsekvenco: 1. Nia legantaro varbu plej rapide almenaŭ po unu novan abonanton. 2. Oni diru aj ĉiuj riproĉantaj la ŝajne altan prezon, ke K. M. estas tiel grava katolika entrepreno, ke ĉiu katoliko povas kaj devas oferi ion por ĝia komence malfacila kaj multekosta ebligo, ke li per tio meritis la almenaŭ mortlan kunfondan rajton je la kreo de la unua internacia katolika prestribuno. 3. Oni donacu specialan helpan sumonaŭ perigu ĝin el la rondo de riĉaj katolikoj komprenantaj la postulon de la tago.

## Gravaj komunikoj de la eldonejo.

1. Pro la treege altaj kostoj por papero, presado, sendkostoj, salajroj ktp. ni estas devigitaj, plialtigi la abonprezon por la mezeŭropaj ŝtatoj jene: Estonte kostos dek numeroj por Germanujo 15 markoj, Aŭstujo 400 aŭstr. kronoj, Polujo 200 pol. markoj, Hungarujo 100 hung. kronoj. Ni esperas, ke la malnovaj abonintoj komprenas la necesecon de tia plialtigo. La novajn abonontojn ni petas pagi laŭ la nova tarifo.

2. La varbado de novaj abonantoj estas nepre necesa, ni bezonas almenaŭ 3000 abonantojn por eldoni nian gazeton semajne! Al ĉiu leganto, kiu varbas kvin novajn abonantojn interne de kvar monatoj ni liveras kvin numerojn senkosta!

3. Ni petas la abonintojn en la diversaj landoj sciigi al ni la adresojn de la katolikaj ĵurnaloj, por ke ni povus sendi al ili provnumerojn. Antaŭe ni dankas por la adresoj.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numero (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

Sro Anatolio Volokov en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

Sro Heinrich Rhein, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

Sro Herm. Andris, komercisto, Oberried, Breisgaŭ (Germanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn, bildkartojn kaj deziras korespondadi (Esperante, germane, itale, france, angle) pri ĉiaj demandoj.

Sro A. Marinovič, VI, zandarm. brigade Split, Dalmacija (Jugoslavujo) deziras korespondi kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj.

Sro Pedro Juarez Cano, Santa Clara, Apartado 148 (Cuba), deziras interŝanĝi poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojn kun samideanoj el la tuta mondo. Li sendas de Cuba.

Sro Józef Bulski, Warszawska 59, Częstochowa (Polujo), deziras korespondadi per poŝtkartoj ilustritaj kaj interŝanĝi gazetojn kaj poŝtkartojn ilustritajn (bfl).

Sro Mieczysław Chyra, Stodolna 14, Częstochowa (Polujo), deziras korespondi per poŝtkartoj kaj leteroj.

Sro Władysław Gawenda, Mirowska 6, Zawodzie-Częstochowa (Polujo), deziras korespondadi per leteroj kaj poŝtkartoj.

Poŝtmarkkolektantoj atentu! Mi interŝanĝas poŝtmarkojn kun la tuta mondo, sendu al mi poŝtmarkojn kaj mi ankaŭ sendos belajn hungarajn poŝtmarkojn. Németh László, Miskolcz, Minorita rendház, Hungario.

Sro Jos. Knytl, komercisto en Nové Měston, Metují, Ĉeĥoslovakujo deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.

Sro Jan Kuban, Plzeň, Jagelonská 9, Ĉeĥoslovakujo deziras interŝanĝi leterojn.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant(in)oj de poŝtmarkoj kaj kartoj ilustritaj. Sro Kazimierz Welz, seminariano, Seminario, Pomoranujo, Polujo.

Estro de la 3a ordo de s. Francisko deziras sciiĝi pri la agado kaj disvastiĝo de l' ordo en aliaj landoj. Frideriko Stelkens, Breberen, poŝto Gangelt (Rheinland), Germanujo.

Kiu deziras korespondadi kun gesamideanoj el Chojnice bonvolu skribi al Sro K. Majorkiewicz, instruisto en Chojnice (Polujo), Pt. Krol, Jadwigi 2.

**Filatelistoj atentu!** Ĉu vi jam posedas ĉiujn austriajn poŝtmarkojn? Se ne, tiam postulu elektaĵon de aŭstriaj poŝtmarkoj! Kontraŭ referencoj mi sendas al ĉiuj honestaj esperantistoj belajn elektaĵojn por tre malaltaj prezoj. Skribu tuj, ĉar la poŝtmarkoj de unu monato al alia pli multekostiĝas. Oni skribu al: Josef Kolnhofer, Wien, XIII., Zehetnergasse 37.

Mi deziras korespondadi kun seminarianoj de la tuta mondo. Joan Font Giralt, stud. teol., Ĉefdelegito de Moka. Seminario. Girona (Hisp.-Katalunujo).

Sro J. Bernhard, München 12, Guldeinstraße 32/a R. — deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn (prefere preĝejoj, monumentoj) bfl. Poŝtmarkojn (mi ne sendas antaŭe) kun la tuta mondo.

Sro Józef Zakszewski, Częstochowa, „Czestochowianka" Polska deziras interŝanĝi postmarkojn kaj poŝtkartojn ilustritajn.

## ? Kioma estas la abonprezo por K. M. ?

K. M. aperas en kolektoj po 10 numeroj. Jen la prezo por kolekto de 10 numeroj, kies livero estas garantiita de la eldonejo: Anglujo, Hispanujo, Svisujo kaj samvalutaj ŝtatoj 4 ŝl., pes., fr. ktp., Nederlando kaj Brazilo 2 fl., 2 mrs., Usono 1 dol., Belgujo, Francujo kaj samvalutaj ŝtatoj 5 fr., Italujo, Jugoslavujo 6 l., d., Germanujo kaj Baltiko 15 g. mk. Litovujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Bulgarujo 10 kr. ĉ., lev. ktp. Hungarujo 100 hung. kr., Aŭstrujo 400 aŭstr. kr., Polujo 200 pol. mk. ktp.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**NB. Oni ne pagu per poŝtavizoj!**

**Prezo por Anoncoj.**

La prezo por anoncoj egalas po kvadratcentimetro la prezon de unu numero de K. M. en la nacia valuto de l' anoncanto. Por pli ofte presigotaj anoncoj rabato ĝis 20%; plue por abonantoj de K. M. speciala rabato de 10%.








## DIVERSAJN DESEGNAĴOJN

**faritajn de gelernantoj de popollernejoj el tuta mondo**

mi la subskribinto kolektas laŭ la komisio de la eduka fako de provincoficejo Jamanaŝi, Japanlando, kies estro promesis rekompence sendi al la sendintoj la desegnaĵojn de Japanaj lernantoj kolektotajn el tuta Japanlando. La kolekton oni ankaŭ plej efike utiligas por la propagando de Esperanto.

1. La desegnaĵojn, pentraĵojn, desegnaĵojn laŭ naturajn, laŭ modelajn, dekoraciajn ktp.
2. Oni ekspedu plej malfrue ĝis la fino de julio 1922.
3. La desegninto memmane skribu la nomon de persono, klaso, lernejo loko, lando, jaraĝon (sekson) kaj daton de desegno nacilingve.
4. Kies tradukon la sendanto montru alipaperete en Esperanto, se ne eble en germana, franca aŭ angla lingvo.

La interesiĝanto bonvolu tuj sendi la deziratajn desegnaĵojn kiel eble plej multe al la subskribinto

**Morizo Ga,** del. de UEA, 16-V. Kitamaĉi Aojama, Tokio, Japanujo.

Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.